2/95

# Internacia Ĵurnalisto

organo de TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

# embrokunveno en Tampereo

### Plej grava tagorda punkto: estrar-elektoj

**La membrokunveno de TEĴA dum la 80-a Universala Kongreso de Esperanto en Tampereo (23 - 29 julio 1995) estos aparte grava, unue ĉar ĝi okazos post unujara paŭzo (ni ne kunvenis en Seulo), due ĉar la membrokunveno devos elekti novan estraron.**

Invito kun provizora tagordo:

1. Malfermo fare de la prezidanto
2. Agad-raporto de la estraro kaj kasraporto
3. Senŝarĝo de estraro kaj kasisto
4. Elektoj de prezidanto kaj estraranoj
5. Trejnkurso por ĵurnalistoj
6. Aktualigo de la laborplano

Plej grava punkto sendube estos elektoj. Pri la kandidatoj konataj ĝis nun vi povas legi sur paĝo 2 de tiu ĉi numero. Eble vi legis en antaŭaj numeroj de nia revuo la plendojn pri la nuna estraro, elektita en Vieno en 1992. Se nia fakasocio ne nur vegetadu aŭ dependu sole de unu, du personoj, ni bezonas aktivan kaj kompetentan estraron.

Por realigi niajn celojn, ni krome devos aktualigi nian laborplanon. Inter la taskoj, kiujn TEĴA havos por la venontaj jaroj, estos ekzemple kompilado de detala terminaro pri ĵurnalismo, kompostado, eldonado ktp. Tre grava estas ankaŭ la perkoresponda kurso por trejni ĵurnalistojn. Laŭ la nunaj planoj, la kunvenon ĉeestos ankaŭ TEĴA-vicprezidanto kaj estro de la komisiono pri trejnado, Paul Gubbins.

Se vi havas proponojn por la membrokunveno, bonvolu baldaŭ direkti ilin skribe al la prezidanto, por ke la estraro povos prepari materialon kaj enigi ilin en la tagordon.

#### Kroma faka programo por ĵurnalistoj

Kiel en Valencio, ankaŭ dum la UK en Tampereo ni havos apartan programon, pri kiu klopodas TEĴA. La urbo estas interesa ĵurnalisma loko. Ni esperas, ke ni povos viziti koncernajn instituciojn kaj renkonti lokajn ĵurnalistojn. Detalojn vi ekscios aŭ en la venonta numero aŭ – plej malfrue – en Tampereo mem.

**Ni esperas, ke ni povos bonvenigi multajn membrojn en Tampereo!**

## ENHAVO

KOLOFONO

*Internacia Ĵurnalisto*

Organo de

Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)

aperas 4foje jare

Redakcio: Stefan Maul, Pferseer Str. 15, D-86150 Augsburg, Germanio, ☎/fakso (49)821/520385

Redaktofino de tiu ĉi numero: 5 mar 95

Kopirajto ĉe Internacia Ĵurnalisto

Artikoloj signitaj prezentas la personan opinion de l' aŭtoroj kaj ne nepre kongruas kun la opinio de l' redakcio.

Administrado: Flandra Esperanto-Ligo (FEL), Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen, Belgio

Verantwoordelijke uitgever:

Paul Peeraerts, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen

Presata de Flandra Esperanto-Ligo sur mediprotekta papero.

ESTRARO DE TEĴA:

Prezidanto: Stefan MAUL, Pferseer Str. 15, D-86150 Augsburg, Germanio

Vicprezidanto: Paŭlo GUBBINS, 3 Arden Court, Mossley, Congleton, Cheshire CW12 3JH, Britio

Vicprezidanto: Aleksander KORĴENKOV, p. k. 162, RUS-620014 Jekaterinburg - 14, Ruslando

Ĝenerala Sekretario: Evgeni GEORGIEV, Baĉo Kiro 35/II, BG-1202 Sofia, Bulgario

Kasisto: Dino FABRIS, Borgo Bassano 1, Box 49, I-35013 Citadella (PD), Italio

Estraranoj:

Davor GRGAT, Stepinĉeva 29, HR-58000 Split, Kroatio

Lech KOSIENIAK, ul. Piekna 16 b/9, PL00539 Warszawa, Pollando

ARBITRACIO KOMISIONO:

István ERTL, Andreo PETTYN, László SZILVASI

LABORKOMISIONO pri trejnado de ĵurnalistoj: Estro P. Gubbins (adreso supre)

LANDAJ SEKCIOJ:

Bulgara TEĴA-sekcio: Mariana EVLOGIEVA, PK 18, Drushba-2, BG-1582 Sofia

Pola TEĴA-sekcio: adreso de estrarano Kosieniak

Ruslanda TEĴA-sekcio: Irina KIRINA, pk. 1833, RUS-625048 Tjumenj-48

Membrokotizo: 30.00 germanaj markoj aŭ 21 usonaj dolaroj jare. Pagu al konto tejh-u ĉe FEL (adreso supre) aŭ al UEA-konto de TEĴA: ttmj-f

# Oficialaj komunikoj de la TEĴA-estraro

• **Kandidatoj por estrar-elektoj:** El la nunaj estraranoj denove kandidatas por la elektoj dum la membrokunveno en Tampereo: Stefan MAUL (por la posteno de prezidanto); Paul GUBBINS kaj Aleksander KORĴENKOV (vicprezidantoj); Dino FABRIS.

Tiu ĉi lasta rezignos pri la posteno de kasisto. Por tiu ĉi funkcio kandidatas Paul PEERAERTS, direktoro de Grafika Centro de Flandra E-Ligo (FEL). Ĉar FEL administras nian asocion kaj krome presas kaj ekspedas nian fakrevuon, ni ŝparos kroman laboron, se Peeraerts estos ankaŭ kasisto.



Kiel ĝenerala sekretario kandidatas YAMASAKI Seikô (foto). Japano naskita en 1929, licenciito pri ekonomiko. Profesie en internacia komerco, li laboris ankaŭ en Novjorko kaj Parizo. Esperantistiĝis en 1946. Kunlaboras kun Monato (kiel redaktoro pri lingvoj) kaj aliaj esperanto-gazetoj kaj Manlibro pri Politiko de Stefan Maul. Aliĝis al TEĴA en 1991. Komitatano de UEA de post 1989. Membro de l' Akademio de Esperanto de post 1992.

Kromaj kandidatoj por la estraro anoncu sin ĉe la prezidanto; eblos proponi kandidatojn ankaŭ dum la membrokunveno mem.

• **Premio Privat.** En Valencio 1993 ni starigis tiun ĉi premion, kiu memorigas pri la eminenta esperantisto kaj ĵurnalisto Edmond Privat. Per ĝi TEĴA distingas meritplenajn neesperantistajn kolegojn, kiuj elstaras pro subteno de interkompreniĝo en la spirito de l' internacia lingvo kaj tiu de Privat. Ni serĉas kandidatojn por tiu ĉi premio. Proponojn kun argumentoj sendu al la prezidanto de TEĴA.

• **Ni bonvenigas novajn membrojn:** Germanio: SOMMER s-ro Karl-Heinz, Postfach 458, DE-99009 Erfurt; Ruslando: GAZIZOV s-ro Gafur, ul. Lenina 49-17, Salavat, RUS-453200 Baŝkortostano; Svedio: NORDLÖF s-ro Bengt, Boforsgatan 23, S-12346 Farsta; Tajlando: WILLIAM s-ro Xaver, 156/3 Moo 10, Soi Prayat, South Pattaya, Chonburi 20260; Tanazanio: MASSAMBA s-rino Nyambona, Radio Tanzania, P. Box 9191, Dar-Es-Salaam.

• **Stefan Maul devos paŭzi.** Pro operacio meze de aprilo 1995 la TEĴA-prezidanto kaj redaktoro de nia revuo devos paŭzi en siaj agadoj dum kelkaj semajnoj.

# „Anstataŭ brando ni nun eksportas televizion“

## Rimarkinda filipiko de germana Unesko-fakulo

**Foje oni povus havi impreson, ke nur esperantistoj estas sentemaj pri subpremo kaj ekstermo de kulturoj en Afriko fare de okcidento. Ke nur ni, kun la pretendo de Esperanto protekti tiajn kulturojn, minacatajn precipe per eksporto de televizia rubaĵo, konscias pri tia novkoloniismo; kaj konscias ke vane ni avertas, vane pro nia malforto.**

Ke ni tamen ne estas tute solaj en tiu ĉi batalo kontraŭ ventmuelejoj, montras prelego farita en 1994 en Berlino de alia Donkiĥoto, Unesko-fakulo Wolfram Frommlet. Malpli konsole estas, ke ankaŭ li evidente ne povas ŝanĝi la situacion. Malgraŭ tio ni prezentas en ekstraktoj lian filipikon, ĉar jen ni trovas kvazaŭ oficialan konfirmon de niaj analizoj kaj kritikoj. Ni elektis ĉefe tiujn partojn, kiuj traktas aspektojn de ĵurnalismo kaj amaskomunikiloj. La (germanlingva) prelegoteksto aperis en *UNESCO heute* III, 1994, informilo de germana Unesko-komisono.

(adaptis sm)

☆☆☆

*Enkonduke la preleganto memorigas pri eksportado de brando el Germanio al Afriko dum la 19a jarcento, per kiu degeneris granda parto de afrikanoj. Li daŭrigas:*

La tempoj ja ŝanĝiĝis, sed nur malmulte: alkoholismo en vastaj partoj de Afriko restis problemo kun kruelaj konsekvencoj; sed notinda eksport-faktoro germana brando ne plu estas. Pli signifa estas la kultur-eksporto, kiu – pli efike eĉ ol brando – ekigas la novajn fuĝomovadojn en la kapoj kaj stabiligas ilin: por ke ili povu vivi kiel la idoloj en ›Dallas‹ kaj ›Denver‹ kaj stiri aŭtomobilojn kiel McIVER, la novaj elitoj elvendas landojn kaj homojn.

Ekde kiam afrikaj registaroj akceptis la preskribojn de Internacia Mona Fonduso (IMF) kaj Mondobanko kaj realigas ekonomian liberaligon, en la noblaj butikoj de Lusako ĝis Lagoso aĉeteblas ĝuste tiuj produktoj, kiuj tute hazarde estas la samaj, kiuj estas idolaj en okcidentaj televid-serioj. La devizoj, kiujn ellaboras la hejmaj agrikulturistoj, malaperas en la poŝoj de ĉefurbaj elitoj, kiuj kompletige importas ŝipokargojn da Beaujolais Primeur.

La ĉefprofito per la elektronika brando tamen estas la aparataro necesa por konsumi ĝin. La brandaĉon de 1884 oni, se necese, povis trinki ankaŭ el botelo, por la brandaĉo de 1994 oni bezonas aparatojn, transperilojn, studiojn, satelitoteknikon. Ni scias, kiu kie produktas ilin. Unu el la ĉefprofitantoj de l' franca komunikilbrandaĉ-eksporto al la dorlotataj francamaj diktatoroj estis la franca komunikil-giganto Thomson kaj la firmao Schlumberger.

### Gusto-transigo

*Taste transfer* [angle por: gustotransigo] oni nomas tion, kion efikas kaj efiku usona, eŭropa kaj japana kultureksporto. Fuĝo de l' ricevantoj for de la propraj historio, kulturo kaj politika respondeco, kio rekte aŭ nerekte en la propra lando estigas aŭ subtenas aliajn formojn de fuĝado kaj migrado: Per la gigantaj monrimedoj por la malĝusta kultur-politiko kaj kultur-praktikado, primare por ricevado de eksteraj komunikiloj, oni povintus sennombrajn modelojn de internaj, aŭtentaj komunikiloj konstrui kaj subteni, kiuj mankas sur la tuta afrika kontinento – parto por tuto por la kompleta sudo: akcelado kaj disvastigado de naciaj aŭtoroj kaj literaturoj, teatrogrupoj, bibliotekoj, lokaj radioj, histori- kaj skrib-laborejoj por gardi buŝan literaturon, por dokumenti epok-atestantojn; adaptitaj lern-modeloj, kiuj baziĝas sur la tradicioj, kulturaj spertoj de l' homoj anstataŭ sur importita kulturnocio de okcidentaj edukmodeloj. Nenio tia.

[...]

### Falsa bildo

Gejunuloj amase forlasas la kamparon – la hejmujon – unflanke pro ekonomiaj kialoj, vane serĉante urban feliĉon, pro kultura motivo aliflanke: ĉar ne eblas enmiksi sin en la tradicia socio, ĉar la normoj premas, fariĝas restrikto, el kiu helpas nur fuĝi; sed ankaŭ, ĉar ili tro ofte ›faras bildon al si‹, falsan certe, fatale falsan, pri ›progreso kaj moderno‹ aliloke. Kaj ili faras al si ›bildon‹ pri la ›falsaj bildoj‹, kiujn ili ricevas. Komunikiloj en la landoj de l' sudo – la elektronikaj, la ŝtataj minimume – apogas la fuĝon en la kapoj, kiu fariĝas fuĝo perpieda, ĉar ili ne permesas, ne subtenas enmiksadon.

[...]

Kie la koloniista regado postlasis 80 procentojn kaj pli da analfabetoj, la komunikiloj devus fariĝi instrumentoj de edukado. La plejmultaj novaj gvidantoj, eĉ se eble nur subkonscie, enmensigis la onidire superan kulturon de l' koloniistoj. Kio estis pli probabla ol ripeti la travivitajn subprem-strukturojn? Kiel stultajn, malmodernajn kaj needukitajn oni traktis la koloniigitojn. Kiu, se ne la eta, erudita elito povis konduki la amasojn el nescio al sendependeco?

Tiel la komunikiloj fariĝis instrumentoj de l' registaro, ŝtataj komunikiloj, centre organizitaj, centre gvidataj. De supre suben. De la novaj regantoj al la popolo.

[...]

### Ĵurnalisto kun kravato

Kiom da monrimedoj, kiom da entuziasmo ja investis la junaj afrikaj registaroj en alfabetigadon. Multaj homoj lernis, precipe en kamparo, kun enorma penado, kun materia memkontribuo, vespere post peza laboro legi kaj skribi. Multaj neniam kapablis apliki tion.

La gazetoj estis, same kiel elektronikaj komunikiloj, produktitaj en la ĉefurbo de ĵurnalistoj, kiuj estis ricevintaj okcidentan edukadon kaj rapide, kun kravato kaj vestokompleto, forfremdiĝis de l' antaŭurbuloj kaj vilaĝanoj kaj trovis pli komforte, veturi sur asfaltitaj urbaj stratoj al intervjuo ol tra truplenaj vojoj al la mizerkvartaloj, la amasloĝejoj, la vilaĝoj.

[...]

**Kiel en sapoperoj**

Kiel ĉie, ankaŭ en Zambio de novkoloniisma elito sumegoj estis investitaj en kolortelevizion, per kiu ĝi povas kontentigi komunikile siajn avidojn esti kiaj la idoloj en CNN-filmetoj, en la sap-operoj kiaj ›Beverly Hills‹ kaj la riĉuloj en la munkenaj ŝikul-vilaoj en ›Komisaro‹ en anglalingva Transtelversio. Sumegoj por transig-aŭtoj, kiuj atingas neniun vilaĝon kaj dokumentas neniun teatrogrupon, sed multhore la evolu-politikajn mensogojn el la ›sendependiĝa stadio‹.

[...]

Tiu ĉi Zambio havas neniujn bibliotekojn en siaj lernejoj, eĉ ne en la universitato, neniu el la alte talentaj teatrogrupoj ricevas eĉ nur unu kvaĉon da ŝtata subvencio, por iri en la vilaĝojn dezertitajn per la migrado; en la unusola librejo de la ĉefurbo oni vendas eltondolibrojn pri Lady Di, ›Vogue‹ kaj ›Cosmopolitan‹, sed eĉ ne unu afrikan aŭtoron, ĉar onidire mankas devizoj, importi ties librojn.

[...]

Estas groteske: plejmulto de afrikanoj ne nur ne kapablas aĉeti la kafon, kiun ili mem kulturas, ili eĉ ne kapablas aĉeti kaj legi siajn proprajn aŭtorojn.

[...]

**Kulturpolitika skandalo**

Per germana, franca kaj brita helpo estis konstruita por la elitoj kaj diktatoroj la prestiĝ-ludilo televizio – sinonimo por ›evoluigo‹ – pri bibliotekoj, eldonejoj, aŭtor-agentejoj mi scias nenion. Juna, ankoraŭ entuziasma kunlaborantino de la germana ambasadejo en Kampalo petis de l' eksterlanda ministrejo komputilon kun presilo, tre simplan varianton, por la uganda verkista asocio, kiu disponas nek pri kopi-aparato nek elektra skribmaŝino. La peto estis rufizita.

[...]

Germanio preskaŭ komplete retiriĝis el helpo por komunikado. Sed: jaron post jaro oni trovas milionosumojn por nun konstrui la Deutsche Welle world television [Germana Ondo mondo televizio – tiele!]. Ni denove estas gravuloj. Krom CNN, BBC world tv kaj FRI (Radio France International) ankaŭ ni voje de satelito devas mesaĝi al la resto de l' mondo, kiom grandioze funkcias nia evoluig-modelo kiel ekzemplo por la aliaj. Pli ol 100 milionoj da markoj ĉiujare.

**Oni rajtas ridi**

Kaj: ni estas en la dua duono de la ›Monda Dekado por Kultura Evoluigo‹ proklamita de UN. Vere necesa dekado. La germana komitato fervore komunikas dekadoprojektojn al Parizo. Beletajn projektojn. Malbel-makulo en tio: neniu germana marko el evolu-ministerio aŭ eksterlanda ministerio por la dekad-oficejo en Parizo, por la Internacia Fonduso por Kultur-Akcelado, per kies rimedoj estas aŭ devus esti subtenataj kulturprojektoj en la landoj de l' sudo, en kiuj temas pri kulturo kaj perdita identeco, pri kultura rekonsciiĝo, pri kulturo kaj fuĝado. La demando, ĉu la Germana Regnoparlamentejo estu envolvota, kaj se jes, ĉu per reciklebla materialo, movas nin multe pli. Oni rajtas ridi.

---

**BRITIO**

## Kien la kolumnoj?

**Inter 1988 kaj 1983 malaltiĝis je 75 % la kvanto de artikoloj kaj raportoj pri parlamento publikigitaj en du el la plej gravaj britaj ĵurnaloj: *The Guardian* (La Gardisto) kaj *The Independent* (La Sendependulo).**

Tion konstatis opozicia deputito Jack Straw [Ĝak Stro], kiu rimarkis similan fenomenon ĉe aliaj britaj gazetoj.

Aliflanke, dum sama periodo, la kvanto de televidaj kaj radiaj politikaj „babil-programoj" notinde kreskis: aktuale disaŭdiĝas dimanĉe en Britio naŭ tiaj politikaj intervjuo-programoj.

Ĉu iom tro? Ne, laŭ ties redaktoroj kaj intervjuistoj. Prezentiĝas gamo da stiloj: unu intervjuisto konatiĝas pro sia „rosto"-kutimo; ĉiu detaleto de politiko zorge esploriĝas, tiel ke eĉ spertaj ministroj kaj deputitoj enretiĝas en maŝo de diro kaj kontraŭdiro; alia intervjuisto celas malstreĉi siajn viktimojn por pli subtile ilin faligi.

Tamen oponantoj de tiu ĉi televido-politiko plendas, ke nunaj politikistoj ne plu kutimiĝas al serioza, profunda debato; ĉio nun turniĝas ĉirkaŭ 30-sekunda tiel nomata „son-mordetaĵo", en kiu intervjuato ĉion resume esprimas per trafaj, koncizaj frazetoj facile uzeblaj en matenaj aŭ vesperaj novaĵ-bultenoj. Alivorte: politiko reduktiĝas al facile digesteblaj, televidaj frap-frazoj.

**Pantomimaj debatoj**

Des pli surprize, do, ke ĵurnaloj grandparte rezignis pri siaj parlamentaj raportoj. Tamen redaktoro de konata ĵurnalo, agnoskinte la malaperon de kolumnoj da tiaj raportoj, diris, ke nun temas ne pri kvanto sed pri kvalito. Anstataŭ simple raporti oni celas pli trafe komenti, kompreni kaj analizi. Kaj alia punkto: parlamentaj debatoj fariĝis pli kaj pli pantomimaj (eble pro ĉeesto en la debatejo de televidaj kameraoj), dum politiko mem estiĝas kaj realiĝas aŭ ĉe kabineta nivelo aŭ ĉe la diversaj parlamentaj komitatoj. Do ja eblas – laŭ la redaktoro – plejparte rezigni pri parlamentaj debatoj kaj koncentriĝi pri la malantaŭ-kulisa laboro de la parlamento.

Tamen restas la demando: ĉu televido determinis la nunan politikan staton aŭ ĉu ĝi simple spegulas novan realon? Jen vasta, malferma demando. Tamen io estas certa: multaj politikoj nuntempe lanĉiĝas en dimanĉa televido-studio kaj ne en la deputito-ĉambro.

Paul GUBBINS

GERMANAJ TELEVIZIOJ

# Senhalte sur la vojo al distrilo

**Televido senhalte estas survoje al pura distrilo. Tion konkludas germanaj televid-esploristoj, ekspluatinte la donitaĵojn de la pasinta jaro 1994 en tiu ĉi lando.**

Plie malkreskis la intereso pri informelsendoj kaj fonraportoj. „Nur malplimultoj ankoraŭ volas esti informataj pri kulturaj kaj politikaj kompleksoj“, klarigas Michael Darkow [Miĥael Darkov], afergvidanto de l' sekcio televido en Asocio por Konsumesplorado GfK, la tendencon. „Tio ne ekskludas, ke informelsendoj precipe en la publik-juraj programoj havas plej altajn ŝaltokvotojn“, li kompletigas la ekkonojn.

**Tedas milito**

Malpliiĝintan intereson la televidstacioj ekzemple konstatis, kiam temis pri la milito en Bosnio aŭ Ruando. Premu teleprogramilon, kaj la milito finiĝis! „Kiam mi elbuŝigas la vorton ›Sarajevo‹, mi tuj havas unu milionon da spektantoj malpli“, diras Günter Jauch [Ginter Jaŭĥ], estro de l' magazino „Stern TV“ de la (privata) stacio RTL. Aparte falas la ŝaltokvotoj, kiam distraj programoj fariĝas tro seriozaj por la gusto de l' spektantoj. „Kie la spektanto atendas amuzon kaj distron, li rapide ŝaltas al alia kanalo, se oni prezentas ion alian“, resumas Wolfgang Darchin [Volfgang Darĥin], estro de l' televid-esplorado de ARD (publikjura unua programo), la ĉiutagajn kvotojn.

Tio tamen ne validas ekzemple por Tagesschau (televid-revuo) kaj Tagesthemen (tagaj temoj), la vere seriozaj informelsendoj de ARD. Darchin pruvas tion per la ŝaltokvotoj de arbitre elektita tago en novembro 1994: de 5 milionoj komence la nombro de spektantoj kreskas de minuto al minuto ĝis fine pli ol 10 milionoj – indiferente, ĉu oni informas pri la milito en Bosnio aŭ ne. La tv-esploristo tamen atentigas, ke spektado precipe de Tagesschau por multaj televidantoj estas kvazaŭ rito, sendepende de ĝia enhavo. Krome li avertas: per ŝaltokvotoj oni ne ricevas statistikon pri tiuj, kiuj „interne malŝaltas“.

Interese estas, ke spite al konsiderinda plimultiĝo de privataj tv-kanaloj en Germanio, la ŝaltokvotoj de ambaŭ publikjuraj (legu: duonŝtataj, seriozaj) televidkanaloj – ARD kaj ZDF – dum la jaroj restis stabilaj. Krome, kiel oni scias el aliaj esploroj, la informelsendoj de tiuj du kanaloj ĝuas multe pli grandan fidemon de spektantoj ol tiaj de privataj tv-programoj. Evidente do germanaj televidantoj ne atendas objektivan kaj seriozan informadon fare de privataj kanaloj. Do tiuj, kiuj entute havas intereson pri informiĝo, devas elekti (kaj elektas) tiucele la duonŝtatajn programojn. La nombro de homoj interesiĝantaj pri seriozaj informoj ŝajne do ne malkreskis.

**Fiasko de „infodistro“**

Tio signifas aliflanke, ke la privataj kanaloj spite al informelsendoj leĝeraj kaj amuzaj (nomataj „infodistro“) ne sukcesis logi tre multajn spektantojn for de duonŝtataj kanaloj. Eblas konkludi ankaŭ alimaniere: Povas esti, ke privataj te-




*Amaskomunikiloj en Germanio, kiel en multaj industrilandoj, ne povus ekzisti sen enspezoj per reklamoj. La klientoj, spite al multiĝintaj televidstacioj, daŭre preferas ĵurnalojn: el la 33,1 miliardoj da germanaj markoj investitaj dum 1994 en reklamoj de amaskomunikiloj, ĵurnaloj ricevis ĉ. dek miliardojn. Ankaŭ por 1995 la germana reklamkomerco prognozas kreskon (la sumo en la figuro estas taksita).*

levidstacioj tute ne havas intereson, turmenti siajn spektantojn per informado, ĉar per amuzo kaj distro oni atingas pli altajn ŝaltokvotojn – kaj tiel pli grandan profiton per reklamklientoj. Inform-elsendojn do, konjekteble, oni prezentas nur alibie, por ne perdi la ŝtatan licencon, kiu preskribas certan kvanton da informado. Pri enhavo kaj seriozeco la preskriboj diras nenion...

GKP/sm

---

**BRITIO**

# Laŭ kutima, iama spirito

Unu el la plej renomaj britaj ĵurnaloj havas novan redaktoron. En februaro 41-jaraĝa Alan Rusbridger [Alan Resbriĝe] fariĝis redaktoro de la nacia, maldekstreta ĵurnalo *The Guardian* [La Gardisto]. Li enposteniĝis havante unusolan instrukcion de la Guardian-estraro: Daŭrigu laŭ la kutima, iama spirito de la ĵurnalo.

Rusbridger, premiita ĵurnalisto, kiu eklaboris ĉe *The Guardian* en 1979, unue respondecis pri ŝatata satiro-rubriko: li fariĝis vic-redaktoro en 1993. Lia redaktoriĝo sekvis unikan – almenaŭ en Britio – proceduron: anstataŭ esti enposteniĝita de proprietulo (kaj tiel fariĝi ties lakeo), li aprobiĝis kaj de la fonduso, kiu regas *The Guardian,* kaj – pli signife – de la ĵurnalistaro mem.

Komentis Rusbridger: „Tiu unika proceduro estas nur unu el la fenomenoj, kiuj distingas *The Guardian.* Por mi estas honoro fariĝi redaktoro."

*The Guardian* montris sian sendependan spiriton dum la pasinta jaro, kiam aliaj tiaj „pezaj" naciaj ĵurnaloj tranĉe malaltigis la prezon por provi kreskigi sian legantaron. Kvankam pro la konkurenco iomete suferis *The Guardian*, la legantoj plejparte restis fidelaj al la principoj de tolerema, liberala kaj humuroplena ĵurnalo.

Paul GUBBINS

**KOMUNIKAD-SCIENCO**

# Eksterlingva komunikado

**Parolante pri komunikado, ni kutime pensas pri lingvo. Tamen, ne nur antaŭ invento de skriba lingvo sed ĝis hodiaŭ ankaŭ eksterlingva komunikado ludas gravan rolon.**

En eksterlingva komunikado gravas signoj – sed kio estas signo? Laŭ F. Kainz [Kainc] signoj estas lingveroj aŭ lingvo konsistas el sekvo de senc- kaj signif-havaj signoj. Laŭ H. Hörmann [Herman] lingvo esence estas sistemo de signoj. Sed signojn ni uzas longe antaŭ ol ni posedas lingvon. Bebo ekzemple oscedas kaj tiel montras, ke ĝi estas laca. Subite ĝi alarmas la mondon per kriego – ĝi perdis suĉilon!

Tiaj signoj do povas esti specialaj sonoj kiel ekzemple sonorado, sed ankaŭ desegnaĵoj kiel la verda stelo de l' Esperanto-movado. Semaforaj lumoj kaj gestoj estas signoj, kiuj enhavas informojn. Oni batas sur tablon pro kolero aŭ por draste emfazi vortojn. En tio povas troviĝi kaŝita minaco: Atentu! Oni ne rekte atakas kontraŭulon per tio, sed ĝi estas simbola bato de tiudirekta minaco.

**Lingvo de l' korpo**

Aliaj signoj koncernas tiel nomatan korpan lingvon, lingvon neparolan do: Esprimi dubon per flanken klinita kapo, indiferentan atendon per krucitaj brakoj, indignon per pugnoj apogitaj kontraŭ la koksoj kaj simile. Tiaj signoj tamen estas tiam tute konsciaj, kiam oni intence volas indiki ion, pri kio oni ne volas paroli, eble per la „odoraĉa" meza fingro. Temas tiuokaze do pri delikataj, frivolaj kaj eĉ obscenaj aludoj.

**Desegnitaj signoj**

Tre konata desegnaĵa signo estas la kruco, formita per du linioj. Verŝajne ĝi ne estas origine kristana simbolo, ankaŭ ne estas certe, ĉu Jesuo vere estis najlita sur krucon aŭ sur nuran foston. La svastiko ludas rolon en Hindujo; ĝiaj hokoj indikas la rondiron de la suno – pli poste ĝi ja ankaŭ ludis teruran rolon kiel simbolo de la nazioj dum la „tria regno".

La origina signifo de la kruco ĉiuokaze estis indiko pri la kvar ĉielaj direktoj; ankaŭ la Su-indianoj (Sioux) konis ĝin.

La triangulo kun pinto supre signifas flamon, viran elementon. Renversite, kun pinto sube, ĝi estas komprenata kiel ina elemento, fluo de akvo. Ambaŭ trianguloj kunigitaj rezultigas la stelon de Davido.

La kvarangulo validas kiel materia mondo kun la kvar ĉielaj direktoj. Kun kruco supre ĝi signifas kredemon aŭ sube fidon, esperon kaj oni identigas ĝin kun la saĝula ŝtono.

**Inventita de monaĥoj**

Plene eksterlingva kaj tamen detala komunikada sistemo estas gestoj. Ili havas tradicion ekzemple en Italio kaj Francio, kie ili ekzistas ne nur kiel aludoj al io delikata, sed koncernas ankaŭ tute ordinarajn aferojn. Grata movo de la dikfingro je la vango indikas ruzulon; mano turnita horizontale antaŭ la ventro signifas malsaton. Monaĥoj, kiuj ĵuris ne paroli, inventis tutan signaron, simplan, sed nepre efikan, kiu povus anstataŭi parolan lingvon.

Je tiuj gestoj baziĝas almenaŭ parte la interkomunikadaj signoj de surdmutuloj. Ili ne estas ĉiel pantomimecaj kaj pro tio estas ne facile lerneblaj, parte ankaŭ ne sekvas buŝan parolon. Krom parol-akompana sistemo, kiu klarigas ĉion vorton post vorto, estas la ordinara, kiu havas propran gramatikon! Kaj la diversaj naciaj sistemoj diferencas, eĉ en Svislando kompare al germana.

**Evoluo al skribo**

Unue signoj ĉiuokaze estis eksterlingvaj simboloj. Ili reprezentis bildojn pri io speciala, pri kio oni pensis. Nur en posta paŝo ili evoluis al son- kaj vortludoj kaj al silaba kaj tiam plene fonetika-fonologia sistemo, kiun evoluigis ekzemple helenoj. Tamen oni povas diri, ke ia ajn skribo estas eksterlingva, kvankam kun rilato al lingvo. En

la angla la skribo kvazaŭ perdis tiun ĉi rilaton al la fonetiko. Alia ekzemplo estas desegnaĵoj de indianoj, kiuj interkomunikis per ili pro manko de skriba lingvo. Ili havis ankaŭ gestolingvojn por komunikadi inter diverslingvaj triboj.

Hodiaŭ, pro telefono, signoj ne plu ludas tiom gravan rolon; ankaŭ la Morsa alfabeto perdis sian gravecon. En trafiko tamen ŝildoj kaj piktogramoj kun signoj daŭre estas bezonataj, nacie kaj internacie. Parolan lingvon internacian tamen ili ne povas anstataŭi; tiurilate ni ŝajne ne multe progresis, kvankam en Esperanto-kongresoj ĉiuj povas aŭdi prelegojn en unusola lingvo.

Frieder WEIGOLD

## Nova informservo

*Dia Regno*, organo de Kristana Esperantista Ligo Internacia (KELI), informas en n-ro 11/94 (p. 6) pri nova informservo Ecumenical News International (ENI, Ekumenaj Novaĵoj Internaciaj); ĝi estas eldonata unue en angla kaj franca, pli poste ankaŭ en germana kaj hispana lingvoj. ENI ofertos regulan servon de informoj, kiuj estos transdonitaj per faksilo kaj elektronika poŝto al la internaciaj kaj religiaj amaskomunikiloj.

La redaktoro de *Dia Regno*, Philippe Cousson, kompletigas tiun ĉi informon per demandoj, ekzemple: „Kie ni troviĝas en tio? Ĉu ni regule informu ilin? Kiu faru tion? Ĉu ne urĝus?"

## LAŬDO AL LA SINJORO PRO LA SOCIAJ KOMUNIKILOJ

Laŭdo al vi,
Sinjoro Dio,
pro la presita vorto,
kiu estas pano de la inteligento
kaj lumo de l' animo.

Ni vin preĝas, Sinjoro,
por ĉiuj tutmondaj ĵurnalistoj,
la desegnistoj de bildostrioj,
la pentristoj de reklamaj afiŝoj.
Prilumu per via lumo tiujn,
kiuj verkas kaj disvastigas,
presas kaj legas:
ili estu humilaj servantoj de la
vero en la amo.

Laŭdo al vi, Sinjoro Dio,
pro la potenco de kinoarto;
Per sia vigla rakontado
ĝi intense efikas sur la homon:
ĝi enhavas en si la forton
kaj la allogon
de teatro kaj fotografio,
de presado kaj de viva parolo,
de muziko kaj de pentroarto.

Gvidu, Sinjoro,
reĝisorojn kaj produktorojn,
aktorojn kaj spektantojn,
al tio kio estas vera kaj bona,
kiu prikantas la vivon
kaj konstruas la homon.

Laŭdo al vi, Sinjoro Dio,
pro radio, ĉie ĉeestanta,
kiu iras per la flugiloj de l' vento
kaj tiel malgranda igas la teron.

Ni vin preĝas, Sinjoro,
por la elsendaj radiostacioj
etaj kaj grandaj.
Ĉi tiu kreaĵo de la homa lerteco
estu utiligata
por igi la homojn liberaj kaj frataj.

Laŭdo al vi, Sinjoro Dio, pro televido.
Ĉi tiu «katedro», kiu sin metas
en la koron de ĉiu hejmo,
ne perturbu, sed nutru
la harmonion de la familio,
preparu novajn homojn
por nova mondo
baziĝanta sur via Evangelio.

Laŭdo al vi, Sinjoro nia Dio,
pro la progreso
de tekniko kaj eletroniko.

Laŭdo al vi
pro ĉiuj rimedoj de komunikado,
kiujn hodiaŭ, hieraŭ kaj morgaŭ
vi metas en niajn manojn
je la servo de l' homo
kaj de via Regno. Amen!

Nova „Kantiko de la kreitaĵoj" laŭ intuicio de pastro Alberione, fondinto de la Paŭlana Societo.

Kontribuis Anna kaj Attila Makay de Oradea en Rumanio.

(Trovita en *Lumo*, revuo de Kanada Esperanto-Asocio, aŭtuno 1994.)

RADIOFONIO

# Helpvoko el Sarajevo

**El Sarajevo atingis nin helpvoko de radio-kolegoj:**

Tutcerte vi estas informita, ke Radio Sarajevo ekde la 4a de aŭgusto 1994 elsendas en Esperanto radio-programon „Esperanto el Sarajevo". La ĉiusemajnan 15-minutan elsendon preparas tripersona redakcio kun jama sperto pri ĵurnalismo. La ĉefrespondeculo Mustafa Resulovič estas emerita ĵurnalisto, eksredaktoro de internacipolitika programo de Radio Sarajevo kaj korespondanto de multegaj gazetoj kaj revuoj; s-ro Zijo Ajdinovič, emerito, eksprezidanto de E-Ligo de Bosnio-Hercegovino kaj gvidinto de ties informa fako, kaj s-rino Azra Čolič, oficistino de E-Ligo de BkH kaj redaktoro de la asocia bulteno *esperbih*, estas la stabanoj. Krome, nia regula kunlaboranto estas s-ro Senad Čolič, prezidanto de nia ligo, sufiĉe sperta pri redaktado kaj eldonagado.

**Diversaj mankoj**

Nia redakcio agas kiel tute sendependa unuo. Ĝi ne troviĝas en organiza skemo de Radio Sarajevo. Ĝi donas al ni nur teknikajn servojn kaj la programtempon. Ĝi ne financas nian agadon. Por nun, sorto de la elsendo dependas nur de niaj fortoj kaj de nia entuziasmo. En la nunaj, militaj kondiĉoj en nia agado ni frontas diversajn malfacilaĵojn: mankon de papero, kopipapero, tajpobendoj, krajonoj, sonbendoj, sonkasedoj ktp. ... ĝis ekzemple porteblaj diktofonoj k. s. Pro tio ni dezirus nin turni por minimuma helpo kaj solidareco al ĵurnalistoj el eksterlando.

Ni scias, ke financaj strukturoj de TEĴA (kies membroj pro kompreneblaj kialoj ni ne estas) estas tro malfortaj por helpi nin. Sed nia demando estas, ĉu TEĴA-membroj povus nianome peti helpon de sialandaj ĵurnalistaj organizaĵoj kaj sindikatoj. Temus ekzemple pri donaco/havigo de elementaj teknikaj helpiloj, diversa materia helpo kaj monhelpo de 1000 DEM. Se vi opinias, ke io estus farebla ĉi-rilate kaj ke vi bezonas pliajn detalojn por eventuale submetota postulo, bonvolu vin turni al ni per telefakso +387-71/455-141 aŭ /445- 855.

Mustafa RESULOVIČ

---

LANDA SEKCIO

# Aktivaj ruslandanoj

De 4a ĝis 7a de novembro 1994 en Niĵnij Novgorod okazis Ruslanda Esperantista Kongreso, kies du ĉeftemoj estis: perspektivo de la ruslanda esperanto-movado kaj informado pri esperanto.

La unua temo trovis realiĝon en la unuiĝo de Ruslanda Esperanto-Asocio kaj Rusia Esperantista Unio. La dua temo – informado – estis traktita en kelkaj apartaj kunvenoj.

Aleksander Korĵenkov faris la kongresan ĉefparoladon pri la informado, prezentinte ideojn por plibonigo de la nuna situacio. Tiuj proponoj konkretiĝis en kunveno de la Ruslanda Sekcio de TEĴA kun partopreno de 4 TEĴA-anoj kaj kelkaj interesitoj. Oni decidis, interalie, traduki kaj eldoni la *Dosieron por ĵurnalistoj* de Stefan Maul; lanĉi informkampanjon pri esperanto kadre de la Semajno de internacia amikeco februare: produkti pli modernan bazan informilon pri esperanto kaj disponigi al la lokaj aktivuloj tekston de „modela" artikolo pri esperanto.

La kreiĝinta laborgrupo pri informado denove havos kunvenon en Jekaterinburg aprile.

La ĵurnalisma aktivado ne limiĝis al la ĉeftemaj aranĝoj. La redaktoro de *La Ondo de Esperanto* ripete prelegis pri la problemoj de la esperanta gazetaro (la koncizigita teksto jam aperis en *Esperanto, Eventoj* kaj *La Ondo de Esperanto*). Redaktoroj de *Eventoj, La Ondo de Esperanto, Moskva Gazeto, Movado* kaj *Ruslanda Esperantisto* respondis al demandoj de legantoj en la kongresa gazet-forumo.

Membro de TEĴA Nikolao Gudskov elektiĝis kiel prezidanto de la unuiĝinta asocio. Ankaŭ ambaŭ elektitaj vicprezidantoj estas redaktoroj: Halina Gorecka (*Ruslanda Esperantisto*) kaj Andrej Ananjin (*Movado*).

Aleksander KORĴENKOV

## Ruslanda gazet-listo

En oktobro 1994 Kolektiva Esperanta Biblioteko (KEB) en Jekaterinburg aperigis, kiel la 18an numeron de *Informoskop*, ĝisdatigitan liston de ruslandaj kaj sovetuniaj periodaĵoj en/pri esperanto, kolektitaj en KEB. La listo enhavas indikojn pri 1270 numeroj de 112 gazetoj. Donacoj, proponoj, ofertoj kaj rimarkoj estas bonvenaj. Adreso: RU-620077 Jekaterinbug-77, p. k. 67, Ruslando.

Halina GORECKA

## Seminario pri informado

22 - 23 apr 95 en Jekaterinburg Ruslanda Sekcio de TEĴA okazigos seminarion pri aktualaj problemoj de informado pri esperanto. La seminario celos esplori la problemon kaj formuli konkretajn konsilojn por la esperantistoj, kiuj kutimas artikoli, prelegi aŭ alimaniere informi pri esperanto.

La interesitoj rapide reagu.

Adreso: RU-6200014 Jekaterinburg-14, p. k. 162, Ruslando. Fakso: (3432) 518647 Esperanto 224501.

**Varbu novajn membrojn por TEĴA!**

**Petu informkajereton *TEĴA prezentas sin* ĉe la prezidanto**

RECENZO

# Valora fakperiodaĵo pri periodaĵoj

**Naskiĝo de unika publikigaĵo**

En novembro 1990 aperis la unua numero de *Periodaĵoj en aŭ pri Esperanto kaj aliaj planlingvoj.* Nuntempte ĝi estas titolita pli simple *Periodaĵoj*: bibliografia organo de Rondo Takács. La ĉefredaktoro estas d-ro Arpád Máthé el Hungario; kunredaktas ĝin Luis Hernández Yzal kaj Ana Molera Urgellés, ambaŭ el Hispanio. Rondo Takács estis fondita en Budapeŝto en 1987 laŭ la iniciato de s-ro L. Hernández Yzal omaĝe al la hungara esperantisto d-ro József Takács (1890 - 1944), kiu specialistiĝis pri la bibliografio de periodaĵoj en Esperanto. Lia pionira kompilaĵo, *Katalogo de la Esperanto-Gazetaro*, estis eldonita en 1934 en Jablonné n. Orl, Ĉeĥoslovakio.

**La laboro de Rondo Takács**

La celo de Rondo Takács estas daŭrigi kaj aktualigi la publikigaĵon de d-ro Takács. Numero 1 de la unua jarkolekto de *Periodaĵoj*, kvarpaĝa en formato A 4, aperis en novembro 1990, kaj estis planite eldoni ĝin kun dumonata aperofteco. Ekde la unua numero de la 1993-jarkolekto ĝi aperis monate, plej ofte kiel dupaĝa folio; pli ampleksaj numeroj estas 13 kaj 14 (po 8 paĝoj), 16 kaj 17 (po 12 paĝoj) kaj 18 (18 paĝoj). La plej ĝisdata numero estas 18 (decembro 1994).

**Enhavo**

La 18 numeroj de *Periodaĵoj* (1993 - 1994) konsistas plejparte en laŭalfabeta bibliografio de periodaĵoj en aŭ pri Esperanto. Ĉiu registraĵo havas referenc-numeron de 1 ĝis 8735 ĉe la lasta titolo, eldonloko kaj aperjaro(j). Demandosigno indikas, kie estas duboj pri iuj informoj. La kompleta listo konsistas el proks. 9 mil titoloj. Post ricevo de ĝustigoj, la definitiva bibliografia publikigaĵo aperos meze de 1995.

En kelkaj numeroj estas partaj listigoj pri Esperanto-periodaĵoj aperintaj en apartaj landoj – Finnlando, Japanio, Koreio, Ĉinio –, kaj troviĝas ankaŭ kompletigota listo pri periodaĵoj tute aŭ parte en la planlingvo Interlingua.

Krom la bibliografia listo, *Periodaĵoj* de tempo al tempo aperigas artikolojn kun faka enhavo. En n-ro 3 (septembro 1993) troviĝas studaĵo pri la historio de la planlingvaj periodaĵoj *The International Language Review, International Language Reporter* kaj *Eco-logos.* N-ro 6 (decembro 1993) enhavas priskribon de la biblioteko de Esperanto-Instituto en Israelo, kaj en n-ro 7 (januaro 1994) estas dupaĝa biografio de d-ro József Takács.

**Eldonloka listo**

Sur paĝoj 9 - 18 de n-ro 18 (decembro 1994) estas „Eldonloka indekso“, laŭalfabeta listo de la urboj kaj vilaĝoj, kie aperis kaj aperas periodaĵoj en aŭ pri Esperanto. La eldonlokoj estas en la nacilingva formo aŭ en latinalfabeta transskribaĵo, se la originala ortografio ne estas latin-litera, sed la nomo de la lando mankas. Estas krucreferencoj al urboj kun pli ol unu nomo pro plurlingveco en la lando aŭ pro historiaj kialoj. En n-ro 5 (novembro 1993) troviĝas resuma artikolo pri eldonlokoj kun statistikoj montrantaj la plej gravajn urbajn eldonlokojn laŭ nombroj de periodaĵoj, kaj ankaŭ la landojn kun la plej multaj periodaĵoj kaj eldonlokoj.

**Kompletigoj kaj ĝustigoj**

Rondo Takács daŭre kolektas donitaĵojn pri mankantaj eroj en la bibliografio kaj indikojn por ĝustigi erarojn. En n-ro 1 estas listo titolita „Kiam ili aperis?“ kaj en n-ro 2 listo „Kie ili aperis?“. La redakcianoj de *Periodaĵoj* informas ankaŭ pri periodaĵoj mankantaj en iliaj propraj bibliotekoj. Tiuj, kiuj povas kontribui informojn pri mankhavaj registraĵoj, estas petataj skribi al la ĉefredaktoro, d-ro Arpád Máthé, Tusnádi u. 14, H-1125 Budapest, Hungario. Rondo Takács intencas publikigi la kompletigotan bibliografion libroforme kaj ankaŭ surdiske. N-roj 1 - 18 (1993 - 1994) de *Periodaĵoj* nun estas haveblaj kiel spirale bindita kolektaĵo kaj kostas 36 NLG.

**Kritikaj rimarkoj**

En sia nuna stato, la bibliografio publikigita en *Periodaĵoj* similas al telefon-abonlibro; la miloj da nomoj, adresoj kaj numeroj ne multon diras pri la aspekto, personaj kvalitoj, okupo ks. de la homoj mem, kiuj apartenas al la telefonreto. Same, la magraj bibliografiaj donitaĵoj informas nur pri titolo, eldonloko kaj eldondatoj. Mankas indikoj pri formato, paĝampleksο, aperofteco, nomo de la redaktoro, eldonanto, enhavo, nombro de abonantoj, prezo, prestekniko, ilustraĵoj kaj lingvoj uzitaj krom Esperanto.

Espereble la kompletigita bibliografio enhavos la plejmulton de tiuj donitaĵoj, kiuj estas gravaj por serioza bibliografia esplorado. Nemalhaveblaj estas ankaŭ jenaj indeksoj: eldonlandoj kaj eldonurboj kaj vilaĝoj, nomoj de redakcianoj, temoj aŭ fakoj pritraktitaj en la periodaĵoj, krucreferencoj pri nomoj de periodaĵoj, kies titolo ŝanĝiĝis, kaj ankaŭ periodaĵoj redaktitaj por aŭ fare de specialaj grupoj (infanoj, junuloj, komencantoj, reformantoj de Esperanto, blinduloj kaj aliaj handikapuloj, periodaĵoj ekzistantaj en kaseda versio por blinduloj, songazetoj ktp.).

Bernard GOLDEN

N-ro 18, aperas monate ISSN 1216-7800

Periodaĵoj

ESPERANTO

Redakcia adreso: Tusnádi u. 14, H-1125 Budapest, Hungario Tel: (+36-1) 1557144

Bibliografia organo de Rondo Takács decembro, 1994.

Redaktas D-ro Árpád Máthé. Kunredaktoroj: Luis Hernandez Yzal, Ana Molera Urgellés.

# Problemoj de stilo

**Ĉu en viaj lando kaj lingvo la modernaj literaturo, arto, eĉ muziko ekestas nekompreneblaj por vi, montras tordatajn kaj netolereblajn formojn?**

**Ĉu vi mem, estante verkisto, komponisto, artisto, literatoro, trovas malfacila la kreon de novaj produktaĵoj? Aŭ estante simpla „plebano", trovas nekompreneblaj la hodiaŭajn produktaĵojn?**

Certe mi estas en tia embaraso, eĉ kiel ĵurnalisto.

**Iom banalaj?**

Se mi verkas en Esperanto, miaj kolegoj ŝajne trovas miajn kreaĵojn akcepteblaj, ofte bonstilaj, foje eĉ laŭdeblaj. Se mi verkas en mia denaska lingvo, la angla, ne tiel estas, kvankam mia rego de mia lingvo estas pli kompetenta ol ĉe plej granda nombro de miaj samnacianoj. Ŝajne al miaj verkoj anglalingvaj mankas vigla spirito; ili estas iom banalaj, ne laŭ enhavo, sed laŭ stilo. Kial? Kial en la angla lingvo mi devas serĉi novajn esprimojn, inventi parolturnojn aŭ vortkunmetojn? Kaj kial mi trovas tion nefacila – foje eĉ neebla?

Eble jena teorio estas konsiderinda kaj havas ian validon.

**Ĉio estas jam dirita**

De jarmiloj verkistoj uzadis nian anglan lingvon kaj plene uzadis ĉiun eblan vortkunmeton, ĉiun tropon, ĉiun metaforon kaj similigon. La nuancoj nun ne estas tiom same subtilaj pro la multa uzado, la aludoj ne estas tiom originalaj. De Chaucer [Ĉoser], Shakespeare [Ŝekspiro], T. S. Elion ktp. ĉio kion oni povas diri per norma lingvo estas jam dirita. Ĉio poste estas kopio, imito, plagiato, cito. Por krei ion novan, originalan, oni devis dum multaj pasintaj jarcentoj elpensi neologismojn aŭ situaciojn, vortkombinojn. Tiel evoluas ĉiu lingvo. Rezulte la angla lingvo posedas multegajn sinonimojn, novajn provajn enkondukaĵojn, eĉ balastajn vortojn, slangojn, dialektojn, arkaikaĵojn. Kaj tiom da verkistoj uzadis la anglan lingvon, ke baldaŭ ankaŭ tiuj novaĵoj iĝas banalaj. La novaj formoj kaj vortoj iĝas nepluuzindaj.

**Novaj tordoj**

Uzado de la lingvo kvzaŭ forfrotas la precizecon, aŭ rajpigas la subtilon, diluas la sencon, boligas el la vortoj la esencan guston. La ĉaso konstante iras post io nova, ofte novaj tordoj. Estas supozinde ke tiuj antikvaj verkintoj uzis la ĉiutagan lingvan materialon de sia epoko; iliaj sekvintoj provis, devis eviti ion tian, kaj iom volis krei originalece, eĉ evoluigi la lingvon.

Ĉu same estas ĉe Esperanto? En Esperanto tri aferoj influas:

1. En la lingvo ekzistas relative malmultaj sinonimoj; la tuta vortstoko estas, pro principo, limigita.

2. Nur relative malmultaj kapablaj verkistoj – literatoroj kaj ĵurnalistoj – uzas vaste la lingvon, kaj tio en la daŭro de relative mallonga periodo, epoko.

2. Vasta nombro da Esperantistoj neniam renkontas la literaturon, la tropojn, la uzeblajn sinonimojn, belajn esprimojn, alternativajn kaj lertajn formojn.

La tropoj, la lertaj vortkreaĵoj kaj subtilaj esprimoj estas jam konataj en vasta, sed maldika tavolo de nur la legemaj kaj parolemaj vojaĝemaj samideanoj.

**Ĉu sekvi la anglan?**

Ĉu do la literaturo de Esperanto sekvos la ekzemplon de la angla, kaj akumulos milionojn da radikoj kaj formoj? Kaj samtempe kreos tavolon da nekonantoj? Oni admiras la riĉecon de la angla lingvo, ĉu ni bezonas sekvi ties vojon? Certe pluraj poetoj tre facile aliras tiun rimedon kontraŭ la simpla esprimmaniero, per trovo de novaj vortoj kaj pliampleksigo de iuj sencoj. Ĉu la vortoj teknikaj, la sportaj, la elektronikaj, la aŭtomobilaj ktp. iĝos parto de la normala lingvo?

Alia aspekto de la afero de progresigo de la du lingvoj – Esperanto kaj angla – estas la intenca utiligo de citaĵoj kaj aludoj, eĉ referencoj por:

a) beligi sian propran parolon kaj skribon;

b) dividi kun kolegoj ian senton de komuna klero;

c) esprimi kompleksan ideon pli simple per aludo;

ĉ) demonstri sian propran klerecon (iomete fanfarone?).

Ekzemple, en la angla oni povos aserti ke iu estas unu el la *pillars of wisdom* (kolonoj de saĝo); dum diskuto pri problema decido oni diru *to be or not to be* (ĉu esti aŭ ne esti?), *through the pearly gate* (tra la perla pordo = morti), *man's best friend* (plej bona amiko de la homoj = hundo). *Oxbrigde* estas kunmeto de partoj de la nomoj de la du universitatoj Oxford kaj Cambridge. Pluraj el tiuj estas inter anglalingvanoj kompreneblaj. Ekzistas miloj kaj miloj da tiaj citindaĵoj en normala lingvo.

**Alia situacio de Esperanto**

En Esperanto ne nur mankas tia ega kvanto, sed la meza klerec-nivelo (en Esperanto-aferoj) de la sam-ideanaro ne estas tiel vaste komprenanta. Ili ne sufiĉe kaj intime uzadas la lingvon por ensorbi la trafajn frazojn kaj aludojn. Nur malmultaj tiaj esprimoj estas uzeblaj en ĝenerala parolo. Kiom el la jenaj vi mem scias, kaj uzus?:

Ni fosu nian sulkon. – La forto mistera. – La nepoj vin benos. – Novaj reĝoj, novaj leĝoj. – Kiel la neĝa blovado. – Muŝo en la supo. – Li instruas sian avinon.

Kio estas PV - PIV - PG - FK - UV - UK - SAT - LKK - KKK?

Ĉu vi povos fini la jenajn frazojn?:

Kiu ne eraras ... – Resti kun leono ... – Venis nuksoj ... – Malriĉulo ... ne timas. – Pli da havo ... – ... sentas mi interne. – ... batalantoj.

Ekzistas en Esperanto malmultaj „indiĝenaj" esprimoj:

KOTOPO = ktp. = kaj tiel plu –

ĜIS aŭ ĜIS LA (revido) – KION DO? – BONAN (tagon) – KIAM AJN – AJNA – PUŜ-PUŜ- (insiste) – VERE-VERE? (ĉu ja vere?) – ĈU? – JESI – NEI – PIV (por P.I.V.) – SAMIDEANO – VERDA KORO – VERDSTELULO.

Feliĉe ni kiel ĵurnalistoj ne devas fronti tro ofte tiujn problemojn. Ni uzas la ĉiutagan lingvon kaj raportas aŭ anekdotas en la lingvo de la homo, la hejmo, eĉ de la strato. Ne necesas, eĉ estus erare, serĉi novajn vortojn kaj obskurajn esprimojn. Tamen estas grave ke ni notu kreskantan uzadon de iuj „inovacioj" (novaj enkondukaĵoj!) kaj ekspluatu la latentan evoluon de Esperanto. Malfeliĉe ĵurnalismo suferas la akuzadon pri malalta lingvonivelo, ĉar la metio allogas sentalentulojn kaj nematurajn neofitojn, kiuj ne komprenas la diferencon inter *polui* kaj *polucio*, inter *paradokso* kaj *silogismo*, inter *metaforo* kaj *similo*.

Estas neevitebla devo konstati kaj sekvi la evoluon, sed ni ne tro forte klopodu influi tiun evoluon.

Will GREEN

---

**METIEJO**

***Praktikaj kaj utilaj aferoj***

# Demokrateco helpe de komputiloj?

„La komputika revolucio demokratigis la komunikadon, permesante al ĉiu ajn komputil-posedanto ekesti eldonisto." Tion ni legas en *Internacia Pedagogia Revuo* (IPR) n-ro 3/94, kie sur paĝo 34 la redakcio donas instrukciojn, kiel faciligi produktadon de la revuo.

**Renesanco**

Ĉu vere tio estas nova afero? En sia kurso pri ĵurnalistiko somere 1994 en San Marino Stefan Maul en la 7a lekcio diris i. a.: „Mi uzis la nocion metio – termino, kiu ordinare signifas ke iu manlaboras. Efektive ĵurnalisto origine estis manlaboristo, kaj ankoraŭ hodiaŭ ni ofte parolas pri la ĵurnalista metio. Se vi okaze vidis filmon pri malnova tempo, eble vi rimarkis ke ĵurnalisto iam estis kaj skribanto kaj presanto kaj eldonanto de ĵurnalo, kiu ne nur verkis artikolojn, sed mem kompostis, enpaĝigis, presis kaj eĉ foje mem vendis sian produkton. Poste, kiel en multaj aliaj fakoj, ankaŭ en ĵurnalismo la profesio dissplitiĝis: unu verkis, alia redaktis, alia kompostis, alia enpaĝigis, alia presis, alia distribuis, alia vendis. Tamen, en tiu periodo de specialistoj minimume redaktoroj, kompostistoj kaj enpaĝigistoj kunlaboris intime. Poste, en la unua periodo de fotokompostado, komplete perdiĝis tiu ĉi unumetia kunlaborado. Sed – kia neatendita renesanco! – en la nuna epoko de komputiloj ni retrovas la ĵurnaliston, kiu povas sole realigi preskaŭ ĉiujn laborojn de l' metio. Tiun ĉi fenomenon ni ankaŭ ofte renkontas inter esperantistaj ĵurnalistoj."

**Legomaŝino**

Jen, tiel do ni revenas al la redaktoroj de IPR. Ili informas, ke nun ankaŭ IPR disponas pri legomaŝino – aparato, kiu transportas surpaperan tekston rekte en la komputilon. Tiun ĉi metodon uzas jam pluraj E-gazetoj, ekzemple *Monato* jam de longa tempo. IPR eĉ akceptas prespretajn tekstojn, metodo kiun plurfoje aplikis ankaŭ *Internacia Ĵurnalisto*.

Efektive, komputilo retransportis nin en la pratempon de ĵurnalistiko: kiel en urbeto de (usona) „sovaĝa okcidento" ĉio denove estas farata de unu homo! Kutime nur presadon kaj vinktadon oni lasas al fremda persono (entrepreno). IPR skribas, ke komputilo „fine permesas ankaŭ demokratiigon (pli justan disdividon) de la preparlaboroj!" Demokratiigo, sed je kiu prezo? IPR bezonas preskaŭ tutan paĝon nur por teknikaj preskriboj, kiujn devas atenti la kunlaborantaj aŭtoroj-demokratoj! Aparte ili trafas sendantojn de ordinaraj surpaperaj tajposkriptoj (manu-skriptojn la aparato ne kapablas legi); sed ni rajtas konjekti, ke baldaŭ legomaŝinoj estos pli perfektaj kaj povos enkomputiligi eĉ malordan tajposkripton kun kafomakuloj...

**Ŝanco de fuŝuloj**

Nu, tia demokratiigo estas unu flanko de l' medalo. Por spertaj ĵurnalistoj kaj precipe redaktoroj efektive komputilo alportis faciligon de laboro, kaj – same grave – malpliigon de kosto. Sed la dorsa medal-flanko estas, ke nun ankaŭ la plej stulta fuŝulo treege facile povas produkti gazetojn. Certe, en Esperantujo ni ĉiam povis ĝui produktaĉojn, kiuj ne meritis la nomon „gazeto", sed nun en nia komputila mondo terure multobliĝis la eblecoj kaj sekve la misfaroj. Kiom da novaj periodaĵoj aperis dum la lastaj jaroj, kiuj bonŝance ofte transvivis eĉ ne la unuan periodon! Tamen, eĉ se aperis nur unu sola numero en fuŝlingvo, kiun la redaktoro/eldonisto kuraĝas nomi „Esperanto", tio ege damaĝas la reputacion de la lingvo internacia (kaj ankaŭ reputacion de esperantistaj ĵurnalistoj). „Jen, la esperantistoj eĉ mem ne regas sian karan lingvon! Do ĝi ne povas esti tiom facila, kiom ili asertas." Tiel povas prave komenti neesperantista lingvofakulo, se en liajn manojn falas tiaj defalaĵoj de nia kulturo.

**Sen korekto**

En pluraj naciaj lingvoj jam ekzistas korektoprogramoj, sed neniu nuna ordinara komputilo disponigas tian programon por korekti lingvajn erarojn en Esperanto. Eĉ por vort-divido oni kutime devas apliki nacilingvan programon, kiu kompreneble neniam komplete povas taŭgi por la lingvo internacia. Do la komputiloj glutas kaj reproduktas ĉiajn erarojn kaj fuŝojn. Sole la problemon de diakritaj signoj oni ordinare povas facile solvi, sed ofte niaj fuŝuloj eĉ pri tio ne zorgas.

Tamen, ankaŭ korektoprogramo ne multe utilus, ĉar ordinare temas ja nur pri ortografio – kaj ĝi en Esperanto estas relative simpla. Sed lingvajn erarojn tia programo ne povas ekkoni, ekzemple akuzativ-erarojn. Aŭ kiel instrui al komputi-

## KONTRIBUU ALT-NIVELE al IPR

La komputika revolucio demokratigis la komunikadon, permesante al ĉiu ajn komputil-posedanto ekesti eldonisto. Kiam temas *IPR* kaj *Juna amiko*, ĝi fine permesas ankaŭ demokratiigon (pli justan disdividon) de la preparlaboroj!

Ne estos al vi revelacia la konstato, ke IPR grave perdis sian eldon-ritmon. Dum la respondeco por samtempe ĝi, *Juna amiko*, kaj la tuta eldon-programo

---

*Ĉu vi senprobleme povas legi la literojn de tiu ĉi titolo?*

lo, ke la vortoj „longhara", „longtempa" kaj „longdaŭra" estas ĝustaj, sed ke „longjara" devus esti „multjara"? Eĉ en profesiaj programoj oni rezignas pri lingva kontrolo; en la ĵurnalejo, en kiu mi redaktoras, ĝis nun oni bezonas homajn korektistojn. Tamen, eble – kun la pli kaj pli kreskantaj kapabloj – komputiloj baldaŭ majstros ankaŭ tiun ĉi laboron.

**Hieroglifoj**

Alia problemo estas litertipoj. Tekstoprogramoj ofte ofertas tutan gamon da diversaj skriboj, el kiuj kelkaj taŭgas por iaj ludoj, sed neniel por kompostado. Tamen eĉ spertaj redaktoroj foje falas en tiun ĉi kaptilon kaj elektas neadekvatan litertipon, kiu plaĉas al li. Pri gustoj oni povas disputi, sed ne pri klareco kaj legebleco.

Vidu la ekzemplon el IPR: estas la titolo de l' supre menciita artikolo. Se mi mem havas problemojn, legi tiujn „belajn" literojn, kiel elturniĝu ĉino aŭ japano, kiu certe bone konas la propran kaligrafion sed apenaŭ la okcidentan?

**Ĉu utilus konsilaro pri kompostprogramoj?**

Ni menciis kelkajn problemojn, kiujn alportis la onidira „demokratiigo" per komputilo, sed vere ne ĉiujn – kaj ne proponis solvojn. Eble estus konsilinde, kompili konsilaron por komputil-redaktoroj.

Sed probable tro diversaj estas la problemoj de l' diversaj komputiloj kaj programoj. Kaj ĉu tia konsilaro vere atingus tiujn, kiuj plej multe bezonus ĝin, la fuŝulojn? Al vera demokratio apartenas la ebleco de misuzo. Do ni laŭdu la demokration kaj plu suferu ĝiajn malavantaĝojn.

Stefan MAUL

## LINGVO

- **Problemoj**
- **Demandoj**
- **Konsiloj**

## La rolo de la Esperanto-gazetaro en la konflikto inter koreoj kaj koreanoj

Estas la celo de tiu ĉi artikolo montri, ke la malakordo rilate uzon de la landan-nomoj „koreo" kaj „koreano" grandparte estis disvolvita sur la paĝoj de la Esperanto-gazetaro, kaj ĝuste tiuj influhavaj komunikiloj en Esperantujo sukcesigis la finan venkon de la koreoj.

**Nekompreno kaj misinterpreto**

En sia kontribuaĵo al la rubriko „Reagoj" en *Esperanto* (majo 1994, p. 93) Emilija Lapenna konfesis, ke kvankam ŝi atenteme legis la argumentojn uzatajn de elstaraj koreaj esperantistoj prefere al la landnomo „Koreio" (aŭ „Koreujo"), ŝi ne komprenas ilin. Ŝi erare supozas, ke temas pri jena „subkompreno": „Ĉinio" kaj „Japanio" finiĝas je „-io" (aŭ iom arkaike je „-ujo"), do ne dignas, ke „Koreo" ne havu la saman formon. Efektive, ŝi mise analizas la problemon laŭ la vidpunkto de analogia rilato kun du aliaj aziaj landnomoj – „Ĉinio" kaj „Japanio".

Sed en tiu ĉi kazo pli gravas gentnomoj ol landnomaj formoj, ĉar la unuaj estas deirpunktoj aŭ bazoj de la duaj. Primara koncepto en la menso de la koreoj estas ilia genta propreco, same kiel ĉe la ĉinoj kaj la japanoj. Sekve, ili insistas, ke ili loĝas en lando havanta la nomon „Koreio/Koreujo", kaj neniel volas esti nomataj „koreanoj", la nomformo, kiun trudas al ili d-ro André Albault, la prezidanto de Akademio de Esperanto. En ĉiuj siaj skribaĵoj li ĝistede marteladas la punkton, ke „Koreo" devas esti la nomo de la lando.

(Rimarku, ke en Eŭropo la ukrajnoj, kiuj loĝas en Ukrajnio, rezonas sammaniere kontraŭ Albault kaj rifuzas permesi al li nomi ilin ukrajnanoj, loĝantoj de Ukrajno.)

**Kresko de streĉiteco inter Koreio kaj Tuluzo**

Jam ekde 1984 rilatoj inter la Akademio kaj Korea Esperanto-Asocio (KEA) fariĝis streĉitaj. Kvin jarojn poste okazis la unua eksplodo. Por kontesti la ukazojn de Albault, vaste publikigitajn en la Esperanto-gazetaro, BAK Giŭan, la sekretario de la Lingva Komitato de KEA, en cirkuler-letero datita 1989.05.15 emfazis la starpunkton de esperantistoj en Koreio, kiuj deziras, ke ĉiuj esperantistoj en la mondo nomu ilin, la korean popolon, koreoj, ĉar la landon konsistigas unu gento, t. e. koreo. Krome, li atentigis, ke „pri la nomo de lando, ĝia portanto (la loĝantoj de la lando) havas ĉian rajton; diskuti, decidi, uzi ktp. Kaj alilandanoj devas sekvi la rezulton."

Albault kategorie rifuzis akcepti la argumenton de la koreoj, kaj per pejorativa kaj sarkasma riposto en Cirkulero 162 de la Akademio, kolere karakterizis la cirkuler-leteron de KEA kiel „pamfleton de iu Koreano nomata Bak".

**„20 % da takto valoras pli, ol 80 % da pravo" (Plena Ilustrita Vortaro)**

En mia artikolo „Koreoj kontraŭ koreanoj: etna tensio en la Akademio de Esperanto" (*La Gazeto*, n-ro 26, 1990, p. 22 - 23) mi memorigis Albault, ke plurfoje en la pasinteco mi avertis lin, kiam li mispaŝis sur la terenon de rebaptado de land- kaj gentnomoj, sed li ignoris miajn argumentojn, prezentitajn en la formo de detale dokumentitaj artikoloj publikigitaj en

Esperanto-periodaĵoj. Mi firme konsilis al la Akademia prezidanto, agi pli prudente kaj trakti aferojn kun diversgentaj esperantistoj tre diplomatie por ne flamigi etnojn kontraŭ Akademio de Esperanto. Malgraŭ mia admono, ankoraŭ hodiaŭ forta antagonismo karakterizas la sintenon de Albault rilate la pretendon de la koreoj.

**Kiel la Esperanto-gazetaro sukcesis superpotenci la Akademion**

Ne malgrandan rolon ludis la Esperanto-gazetaro por efektivigi la venkon de la koreoj super la koreanoj. Ekde la komenciĝo de la konflikto, gravaj Esperanto-revuoj kaj gazetoj akceptis la vidpunkton de KEA kaj per ekskluziva uzo de la landnoma formo „Koreio" akcelis ĝian enradikiĝon. Kiel trafe rimarkigis István Ertl, la formo „Koreio" troviĝas en *Esperanto*, la oficiala organo de UEA, kiun li redaktas, kaj ankaŭ ĉiuj materialoj pri la 79-a Universala Kongreso uzis ĝin. Lia konkludo estas neevitebla kaj nerefutebla: la formo „Koreio" ŝajnas nun tute ĝeneraliĝinta. Inter la plej prestiĝaj internaciaj Esperanto-periodaĵoj uzantaj „Koreio" estas, krom *Esperanto, Heroldo de Esperanto, Monato, Eventoj, La Gazeto* kaj *Literatura Foiro.*

**De Koreio ĝis Ukrajni' oni fajfas pri l' Akademi'**

Estas evidente, ke Albault jam perdis sian batalon devigi la koreojn nomi sin koreanoj. Rimarku, ke li neniam aŭdacis argumenti analogie ke, ĉar la landomoj „Ĉinio/Ĉinujo" kaj „Japanio/Japanujo" ne estas internaciaj, necesas doni al ili la formojn „Ĉino" kaj „Japano" kaj sekve rebapti la loĝantojn per la nomoj „ĉinanoj" kaj „japananoj". Pro la grando kaj potenco de la Esperanto-movadoj en ambaŭ koncernaj landoj, iu ajn provo enkonduki tiujn modifojn estas destinita tuj kaj plene fiaski. Albault nek kapablas nek rajtas retropuŝi la montrilojn de la horloĝo de la historio. Same vane agis s-rino Lapenna, kiu tiris post si en la tombon sian miskomprenitan plendon.

Bernard GOLDEN

# La ĝusta signifo kaj uzo de la neologismo *lobio*

**Historio kaj etimologio**

„Lobio" estas esperantigita surbaze de la angla etimo *lobby* (elp. ‚labi'), kiu devenas de la mezepoka latina vorto *lobium* aŭ *lobia* (= galerio). Ĝia primara signifo en la angla estas koridoro aŭ halo ligita kun pligranda ĉambro aŭ serio da ĉambroj kaj uzata kiel trairejo aŭ atendejo. En la kunteksto de leĝodonaj instancoj, ĝi havas la specialan signifon de antaŭĉambro de parlamenta ĉambro, malfermita al la publiko precipe por interparoladoj de leĝofarantoj kaj eksteruloj. Tiel, la nomon de la ejo, kie okazas tiuj renkontiĝoj, ricevas la individuaj aŭ privataj interes-grupoj havantaj la celon influi decidojn de la registaro. Ili provas persvadi leĝodonantojn ŝanĝi ekzistantajn leĝojn aŭ adopti novajn leĝojn avantaĝajn por la koncernaj grupoj.

**Lobiantoj kaj lobiistoj**

Lobiantoj povas esti grupoj da ordinaraj civitanoj, kiuj deziras esprimi al parlamentanoj siajn esperojn aŭ plendaĵojn pri registara politiko. En Usono tiu rajto estas protektata per la unua amendo de la konstitucio. Ofte la civitanaj grupoj organizas lobiojn por proponi leĝojn rilate poluadon de la ĉirkaŭmedio, konservadon de naturaj resursoj kontraŭ damaĝanta ekspluatado, abolicion de la mortopuno, reformojn en la eduk-sistemo, malpermeson de la uzo de nukleaj armiloj, ks. Ankaŭ diversaj branĉoj de la federa registaro en Usono havas stabojn de lobiistoj, kiuj aktivas por influi parlamentanojn.

Lobiistoj organizas intensajn kampanjojn de publikaj rilatoj, en kiuj ili utiligas ĉiujn teknikojn de moderna komunikado. Ili faras kontaktojn kun publikaj funkciuloj per leteroj, telefon-vokoj kaj personaj renkontiĝoj ne nur en la parlamentejoj sed ankaŭ en iliaj oficejoj, hoteloj kaj privataj domoj. Lobiantaj grupoj povas prezenti sin ankaŭ formale antaŭ leĝofarantaj komitatoj okupiĝantaj pri iliaj interes-sferoj.

Profesiaj lobiistoj povas esti salajrataj oficistoj de potencaj organizaĵoj de industriistoj, komercistoj, agrikulturistoj kaj financistoj. Ankaŭ laboristaj sindikatoj havas plentempajn lobiistojn. Advokatoj de konfliktantaj interes-grupoj faras vastajn esplorojn pri kompleksaj leĝoproponoj, kaj la rezultoj estas prezentitaj al leĝofaraj komitatoj. Estas ankaŭ individuaj lobiistoj, kiuj havas plurajn klientojn, kiuj pa-

gas por la servoj de la lobiistoj. Kontribuaĵojn en la formo de mono aŭ servoj povas ricevi favorataj kandidatoj aŭ aliaj parlamentanoj.

**Reguligo de lobiado en Usono**

La federa registaro de Usono kaj la plejmulto de la ŝtatoj reguligas lobiadon. La federa lobiad-leĝo de 1946 postulas, ke lobiistoj estu enskribitaj kaj ke ili raportu pri siaj kontribuaĵoj kaj elspezoj; ankaŭ la grupoj, kiujn ili reprezentas, devas fari similajn raportojn. Tamen, la efikeco de tiuj leĝoj estas duba. Estas tre malfacile reguligi iuspecan nerektan lobiadon kiel grupan agadon celantan influi la registaron per formado de publika opinio.

Politologoj atentigas, ke formoj de lobiado estas neevitebla fenomeno en iu ajn politika sistemo. Lobiado, do, estas politika institucio kun sia propra strukturo kaj agad-maniero.

**Konkludo pri la leksikografia karaktero de la termino „lobio"**

Malgraŭ la opinio de la redakcio de *Manlibro pri Politiko, lobby* aŭ „lobio" ne estas ekvivalento de „premgrupo", same kiel „universitato" ne estas sinonimo de „lernejo". En reviziota eldono de *Manlibro pri Politiko* estos necese formuli fakspertan difinon de la termino kaj anstataŭigi la vorton „evitenda" per „preferenda", ĉar „lobio" estas pli preciza ol „premgrupo". Plue, oni ne preteratentu la vastan internaciecon de lobby, per kiu la granda kaj glora angla lingvo pliriĉigis plurajn leksikojn, inkluzive tiun de Esperanto.

Bernard GOLDEN

☆☆☆

Rim. de la red.: Interese, ke la priskribo traktas nur la sistemon en Usono. Efektive ŝajnas, ke lobio estas tipe brita/usona fenomeno. Eĉ plej nova eldono de germana Duden-vortaro karakterizas ĝin (nur) tia, kaj indikas sole komunuzan „havi (aŭ ne havi) lobion". Krome, ĵurnalistoj foje raportas, ke „en la lobio de la federa parlamento"... En Germanio, ekzemple, funkciojn kaj aktivadojn de lobiistoj (kiuj ekzistas nek praktike nek formale) plenumas koncernaj asocioj kaj ligoj; ili estas ankaŭ formale agnoskataj kiel partneroj, konsilantoj kaj konsultatoj de leĝdonaj instancoj. Kiaj estas sistemoj en aliaj landoj?

Eble oni povus redifini la vorton „lobio" tiel: oficiala premgrupo en parlamentoj de Britio kaj Usono.

---

# LETEROJ

*Skribu al*
*Stefan Maul, Pferseer Str. 15*
*D-86150 Augsburg, Germanio*

## Kial ne unufoje jare?

**„Kunprofitu de bona ideo," konsilas ZHANG Shize, kiu skribas pri *El Popola Ĉinio*:**

Post ses jaroj de nelegado de *El Popola Ĉinio* mi decidis reaboni la revuon por 1995 kaj en lastjara oktobro page mendis la du lastajn numerojn de tiu jaro. Fine de la jaro mi kune ricevis du numerojn de novembro kaj decembro, kiujn la distribuanto *El Popola Ĉinio* mem sendis. Tio ne tro strangis al mi, eble ili tiel centralize disdonis portempe menditajn revuojn.

Tamen nun mi miras, kiam mi refoje kune ricevis du numerojn de januaro kaj februaro en ĉijara februaro! Eble, mi divenis, ĉiuj kialoj kuŝas en tio: ŝpari ekspedadan afrankon. Mi ne certas, ĉu sammaniere por ĉiuj abonantoj aŭ nur por enlandaj. Kiel ajn, la distribuanto ne malpli profitis de tio; male, ili ne riskis flanke allasi la aktualecon de sia revuo. La bona ideo de ŝparado, monatan revuon disdoni dumonate! Konsilinde estas, paŝon antaŭen, jare unu fojon kundisdoni vere povos ŝpari pli.

## Fondaĵo por radio

**Bruno MASALA, Francio, skribas:**

Antaŭ jam pluraj monatoj s-ano Girolamo Luchetta lanĉis ideon de Fondaĵo Esperanto en Radio, por konigi kaj helpi Esperantlingvajn redakciojn de radio-stacioj. Ĝis nun la afero ne tro rebruis, bedaŭrinde. Tamen ĝi gravas, samkiel la demando pri televidaj iloj por Esperantujo. Ĉu vi pretus kunlabori en tia projekto?

Jam plurfoje mi ekpensis pri centra informagentejo esperantlingva. Povus partopreni *Monato, Eventoj, Heroldo* kaj ĉiuj radioj. Unua simpla kaj konkreta utilaĵo estus eldoni manlibron pri uzado de niaj amaskomunikiloj kune kun modeloj por depeŝoj. La novaĵbultenoj de Pola Radio fojfoje enhavas informojn el la Esperanto-movado, aldone al la Polaj kaj tutmondaj sciigoj. Tiuj informoj estas maloftaj, ege buntaj kaj ne reliefigas tutecan situacion: oni bone sentas ke ne ekzistas centra pririgardo pri la eventoj en nia diasporo. Ni bezonus ne centrigitecon, almenaŭ fluecon en la informado.

---

# PERSONE

## *Novaĵoj pri gekolegoj*

**Karl-Ernst SALZMANN** (Im Zollsteig 25, DE-87700 Memmingen) estas la nova redaktoro de l' germanlingva eldono de Esperanto aktuell, organo de Germana Esperanto-Asocio. En ĝia numero 1/95 adiaŭis kiel redaktoro Frank Stokker; li redaktis la revuon tri jarojn.

☆☆☆

**Giulio CAPPA**, ĵurnalisto ĉe itala ŝtata televizio, en *Heroldo de Esperanto* rezonas pri la ŝancoj de Esperanto en televido, kiujn li taksas tre etaj. Li tial proponas novan sloganon: Esperanto, pri ĝi televido ne parolas.

☆☆☆

**Halina GORECKA kaj Aleksander KORĴENKOV**, por eldonejo Sezonoj ricevis premion de Fondaĵo Grabowski, interalie por jam de kelka tempo komencita eldonado de verkoj samizdataj en Esperanto.

☆☆☆

**Gilbert LEDON** redaktas kaj eldonas la revivigitan *Liberecana Ligilo*, organon de SAT-frakcio.






*Germana karikaturisto Walter Hanel ŝatas moki ankaŭ pri televido. La supra karikaturo prezentas babilprogramon (tia, pri kiaj ekzemple raportas ĉinumere Paul Gubbins sur p. 4). La maldekstra karikaturo montras mortanton, kiu evidente vokis la pastron por la lasta beno. Sed pli rapidaj estis ĵurnalistoj de tielnomata „real- televido". Hanel aldonas jenan tekston: „Momenteton, pastro, konvene laŭ la vico!"*

# REVUO
## de revuoj

**ESPERANTO**

organo de UEA

por 1995 ŝanĝis sian grafikan aspekton. Plej frapa estas la nova titol-kapo frontpaĝa: ne plu skribita per minuskloj sed nun per majuskloj kaj – pli mirige – denove kun kvinpinta stelo, kaŝita en la litero A. Tamen, multe pli ekscite, estas ke daŭre la revuo aperas akurate...

**Novaĵoj Tamtamas**

gazeto de Jokohoama Esperanto-Rondo

post la katastrofa tertremo en Japanio de 17a de januaro dediĉis preskaŭ sian tutan numeron 100 de februaro 1995 al tiu ĉi temo. Ĝi aperigis listojn de esperantistoj kun indikoj pri ties fartoj kaj fuĝolokoj kaj proponis al legantoj, peri kontaktojn kun esperantistoj-rifuĝintoj. Krome aperis leteroj kaj telegramoj de eksterlandanoj. La redaktoro komentas: „Kvankam tiu ĉi numero estas memorinda 100-a numero, ĝi fariĝis memorinda en alia senco."

**El Popola Ĉinio**

ankaŭ modifis la aspekton de l' frontpaĝo en 1995; ne plu aperas tutpaĝa sed malpli granda kolora foto, sed nun indiko de gravaj artikoloj. Ankaŭ interne oni iom rearanĝis rubrikojn. En sia enkonduko, ĉefredaktoro s-ro Wu Xunnan, atentigas ke la revuo ĉi-jare festos la 45an datrevenon de fondiĝo kaj anoncas je tiu okazo specialan numeron.

**Esperanto aktuell**

organo de Germana Esperanto-Asocio

en n-ro 1/95 (germanlingva eldono) detale informas pri la rezultoj de enketo pri Esperanto. Oni intervjuis entute 813 personojn surstrate – nombro, kiu certe permesas karakterizi la enketon reprezenta, eĉ se ne en strikta senco de opinisondado.

**Heroldo de Esperanto**

en n-ro de februaro 1995 aperigas artikolon „Al niaj eldonistoj" de B. Ruigrok, en kiu li petas ke ankaŭ en nacilingvaj E-gazetoj nepre aperu kolofono esperantlingva. Tiel eldonistoj faciligas laboron de klasifikado kaj konservado en bibliotekoj kaj centroj.

**Esperanto sub la Suda Kruco**

organo de Aŭstralia kaj Nov-Zelanda E-Asocio

Ankoraŭ furoras preskoboldo, pri kiu por la unua fojo detale informis *Internacia Ĵurnalisto* en n-ro 3/94 kaj kies bildon poste aperigis *La Eta Gazeto* (vidu IĴ 4/94). En n-ro 1/95 la sudkruculoj reprenas la torĉon kaj asertas, ke lia vera nomo estas Odlo Bokserp, kaj malkovras multajn novajn detalojn. Vere leginda artikolo por ĉiuj gekolegoj!

**Norvega Esperantisto**

en sia n-ro 1/95 informas: „Pro komputila akcidento ni devis rapide finpretigi ĉi tiun numeron..." Ni longe cerbumis, kio ja povus esti komputila akcidento; tiaj ja kutime okazas sur stratoj, ĉu ne? Fine en alia revuo ni trovis eblan klarigon: probable tia akcidento povas okazi sur la tielnoma „informaĵa ŝoseo", pri kiu en n-ro 2/95 en la rubriko

**„komputado" detale informas**

**Monato**

**internacia magazino sendependa**

Rimarkinda modifo okazis ankaŭ en tiu ĉi magazino en 1995: ĝi enkondukis alineojn kun ensaltoj kaj elkalkulis, ke sekve ĉiu numero havos ĉirkaŭ 250 vortojn malpli. La redakcio aldonas: „La ŝparema eldonejo jam avertis, ke ĝi ne intencas malaltigi la abonprezon pro tiu reduktiĝo de 250 vortoj, malgraŭ tio ke la redaktoroj kaj redakcia sekretario en 1995 devos produkti 3000 vortojn malpli..." Rekompence, cetere, la magazino aldonis en la januara kajero tute novan koloran mondpagon (kiun oni povas ankaŭ aĉeti aparte por 50 BEF).

**Literatura Foiro**

en n-ro 152 (decembro 1994) okaze de la Jaro de la Familio aperigis liston de infan-libroj en Esperanto; mirige, tiu ĉi listo okupas 4 paĝojn en formato A 5!

**La KancerKliniko**

regule aperigas, kiel *Internacia Ĵurnalisto*, rubrikon pri gazetoj. Tamen ĝi estas pli bonŝanca ol IĴ, ricevante gazetojn, kiuj ne atingas la redaktoron de nia fakrevuo. Do el *La KancerKliniko* IĴ eksciis pri la jubileo de

**La Brita Esperantisto**

Ĝi fine de 1994 fariĝis 90-jara, la plej malnova nacia esperantista gazeto en la mondo. Do postfeste IĴ aliĝas al la gratuloj okaze de tiu ĉi eminenta jubileo!



**PUBLIKAJ RILATOJ**

## Tamburu

Germain Pirlot, Belgio, memorigas pri kelkaj konsiloj por publikaj rilatoj:

Gazetaro estas tamburo, kiun ni mem frapu, por ke ĝi bruu!

Pri la silento de la gazetaro tre ofte kulpas la esperantistoj mem,

- ĉu ili forgesas informi gazetojn,
- ĉu ili ne havas tempon por rebati,
- ĉu ili malŝatas skribi,
- ĉu ili ne havas diskonigindajn novaĵojn,
- ĉu ili atendas ke aliaj informu,

ĉu ... ĉu ... ĉu ...

Se ni konigas novaĵon al esperantisto, nur unu konvertito scios pri ĝi. Se ni sukcesas aperigi ĝin en gazeto, dekmiloj da homoj legos ĝin!